# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2011
n-ro 113



★ **Ĉu Universitato en Rijeka malfermas sian pordon al Esperanto?**

★ **Mortis aktorino Vida Jerman**

★ **Akademiano Tonko Maroević pri poeto Josip Velebit**

★ **Esperanto fariĝos 125-jara en 2012!**

# Karaj legantoj!

Finiĝas la jaro 2011. Ni faris multon. Sed ni estus feliĉaj se ni estus farintaj pli por Esperanto en Kroatio en la jaro 2011.

Ĉi-numere vi legos en la ĉefartikolo de **Vjekoslav Morankić** ke en **Filozofia fakultato** en **Rijeka** kreskas ŝancoj pri enkonduko de Esperanto kiel instruota fako, simile kiel tio jam okazas en **Filozofia fakultato** de **Zagrebo**. Tial vi trovos titolpaĝe la foton de la Filozofia fakultato de Rijeka, fotita de **Damir Morankić**. Ĉi-numere kontribuas al **Tempo** akademiano **Tonko Maroević** per artikolo pri **Josip Velebit**. Malofte akademianoj verkas pri esperantista agado. Jen bela escepto. Vi informiĝos ke la lasta numero de **Tempo** kun informoj pri rusa blinda verkisto **Vasilij Eroŝenko** stimulis nian japanan kunlaborantinon **Kikuŝima Kazuko Krizantemo** atentigi nin ke la japana pentroarto posedas du portretojn de **Vasilij Eroŝenko**. **Renkontiĝo de verkistoj** stimulis rusan verkiston **Mikaelo Bronŝtejn** verki poemon pri **Vasilij Eroŝenko** kaj la poemon ni publikigas premiere. Nia ĉina kunlaboranto **Shi Chengtai** malkovras al ni la vivon de tradukisto **Wang Luyan**, kiu tradukis el Esperanto ĉinen la kroatan romanon **Konfeso** de **Milka Pogačić**. **Esperanto Societo Mondo Paca** el **Velika Gorica** informas pri sia aranĝo pri **Vukovar**, iniciatita de sekretario **Mario Dilberović**. **Urba biblioteko** de **Velika Gorica** organizis memorvesperon pri verkisto, komponisto kaj poeto **René Matoušek**, pereinta en **Vukovar** en 1991. Vi legos pri inciatoj por revivigo de Esperanto en la urbo **Petrinja**, iniciatita de **Srećko Radulović**, prezidanto de **Esperanto-Societo** el **Sisak** kaj pri la Esperanto-kurso en **Petrinja**, gvidata de **Josip Pleadin**. La nova **Esperanto-societo Petrinja** fondiĝis la 18-an de decembro.

**Judita Rey Hudeček** instruis Esperanton de la 9a ĝis la 11a de decembro en **Umag** en **Pučko otvoreno učilište Antun Babić**.

Ni ĝojas povi prezenti al vi la diplomlaborajon de **Marija Jerković** pri la lernolibroj pri Esperanto en Kroatio dum la lasta jarcento per kiu ŝi gajnis diplomon en **Universitato Adam Mickiewicz** en **Poznano** en **Pollando**.

La jaro 2012 estas la centa jubileo de la naskiĝo de **Tibor Sekelj** (1912-1988). **Zlatko Tišljar** publikigas ŝiajn memorojn pri li. **Spomenka Štimec** pri **Tibor Sekelj** prelegis dum la **Malferma tago** en nia sidejo de **UEA** en **Roterdamo**: jam 50 jarojn **Universala Esperanto-Asocio** loĝas roterdame ĉe la sama adreso. En la jaro 2012 Esperanto fariĝos 125 jara! Jen la simbolo de la jubileo pretas. Kion vi faros por Esperanto en tiu jaro?




**Ambasadejo de Kroatio** en **Pekino** preparas la ĉinan eldonon de **Hlapić** de **Ivana Brlić Mažuranić**. Atingis nin la titolpaĝo.

**Zrinka Radovanović** kaj **Vedran Radovanović** estas niaj plej junaj kunlaborantoj, intervjuitaj de sia patro **Vanja Radovanović** pri amikoj akiritaj per **Renkontiĝo de esperantlingvaj familioj**. Prezidantino de **Kroata Esperanto-Ligo Judita Rey Hudeček** gvidis en **Eŭropa Domo** publikan prezenton de la temo **Eŭropa Unio, privilegio aŭ minaco al la malgrandaj lingvoj?** La programo estis organizita en kunlaboro de **KEL** kun **Kroata-Makedona Societo**. Ĉefparolis **Zlatko Tišljar** kaj **Neven Kovačić**. Vi legos pri bela informo pri redukto de nia kredito por **Vodnikova**. Nia ĉefa kredito en decembro 2011 reduktiĝis al 16.188,45 eŭroj! Multan dankon al ĉiuj kiuj subtenas la ejon en **Vodnikova 9**!

**Neven Kovačić** havis noblan intencon subvencii farbadon de nia ejo en **Knez Mislav** kiu en 2011 suferis de inundo de la tegmento.

Ni publikas la adiaŭan saluton al niaj mortintaj membroj. Kiam la revuo jam estis preta, ni eksciis ke mortis du pliaj membroj de kiuj ni adiaŭis en decembro: **Ratimir Metz** en **Varaždin** kaj **Mirjana Žeželj**. La 10an de decembro trafis ne nur nin en Kroatio sed ankaŭ multajn esperantistojn en la mondo terura informo pri la morto de aktorino **Vida Jerman**, estraranino de **KEL**. La nekrologoj pri ĉiuj niaj karaj forpasintoj aperos venontnumere. Ni estas dankaj pro ilia granda kontribuo al Esperanto. Ni devas daŭrigi nian laboron sen ili.

Ne forgesu aliĝi al la jubilea kongreso de kroataj esperantistoj en **Koprivnica**! La aliĝo malmulte kostas ĝis la januarfino.

Laŭplane nia lasta Esperanto-programo en 2011 devis esti **Zamenhof-tago**. Planis ĝin la 16an de decembro honore al **Gabriel Divjanović Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj**. Sed neplanite malgaja fenebra omaĝo al **Vida Jerman** kolektis tiutage kvardekon da kroataj esperantistoj ĉe la zagreba kremaciejo. Estis prezentita la adiaŭa saluto de **Probal Dasgupta**, nome de **Universala Esperanto-Asocio**, en la kroatlingva traduko, por multaj teatraj homoj venintaj adiaŭi de nia **Vida**.

La kalendaron pri la aranĝoj en kiuj ni planas partopreni en 2012 kompilis por vi **Vjekoslav Morankić**.

**Feliĉan Kristnaskon! Feliĉan Novan Jaron 2012** ni deziras al vi per la piroteknika foto de **Lana Podgoršek** el **Studenta Esperanto-Klubo**!

*Spomenka Štimec*

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIX, numero 113 (4/2011), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Krapinsko-zagorska županija, Krapina.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis:** Miroslav Acić, Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Mikaelo Bronŝtejn, Marija Jerković, Kikushima Kazuko Krizantemo, René Matoušek, Josip Pleadin, akademiano Tonko Maroević, Damir Morankić, Vjekoslav Morankić, Zdravka Metz, Iva Pletikos, Lana Podgoršek, Vedran Radovanović, Vanja Radovanović, Zrinka Radovanović, Rada Rakić, Nikola Rašić, David Rey Hudeček, Judita Rey Hudeček, Shi Cheng Tai, Ivan Špoljarec, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar, Stjepan Žarina - **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo:** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# ĈU ESPERANTO INSTRUOTA ĈE FILOZOFIA FAKULTATO EN RIJEKA?

La 3-an de novembro 2011 okazis kunveno ĉe **Filozofia fakultato** en **Rijeka** pri la temo pri ebla enkonduko de instruado de Esperanto ĉe la fakultato. La kunvenon kunvokis vicdekanino de la Filozofia fakultato prof. Dr-o sc. **Ines Srdoč-Konestra**. La kunsidon ĉeestis ankaŭ reprezentantoj de **Esperanto Societo Rijeka**, **Vjekoslav Morankić**, dipl.oecc, prof. Dr-o sc. **Danijela Baš ić-Karković** kaj prof. dr. sc. **Sanja Barić**.

En la enkonduka vorto vicdekanino **Ines Srdoč-Konestra** akcentis ke ne akzistas iuj seriozaj obstakloj por enkonduki Esperanton en instruan programon kiel elekteblan (fakultativan) studobjekton. La enkonduko de Esperanto en studprogramon de la fakultato estus ankaŭ utila por la fakultato mem, ĉar per tio plilarĝiĝas la oferto de elekteblaj studobjektoj al studentoj. La enkondukon de Esperanto kiel elekteblan studobjekton oni povas realigi nur se oni agas laŭ proceduroj kiuj ĉe la fakultato jam ekzistas kaj kiuj validas por ĉiuj jam instruataj studobjektoj. Oni rajtas enprocedurigi la novan studobjekton, nur se la proponita sudobjekto estas proponita kaj kompilita de persono kvalifikita kaj kompetenta. La fakultata konsilio kaj ties elektitaj komisionoj kontorolas la kompetentecon de tiu persono. La proponanto (portanto) de la kolegio kaj la subskribinto de la programo devas esti persono el tiel noma sciencinstrua fako (persono kiu estas doktoro de humanismaj sciencoj kaj havanta scienc-instruan profesion). Realiganto de la studprogramo, t.e. instruanto (preleganto) de la proponita kolegio povas esti kun malpli alta profesia nivelo ol humanecaj sciencoj (do sen scienca titolo "doktoro de scienco"). Tiu persono sub la kontrolo kaj gvidado de portanto de la kolegio realigos difinitan programom, tio estas instruadon.

**Esperanto Societo Rijeka** proponis por tiu tasko la kompetentan personon, kiu kontentigas la antaŭviditajn postulojn: **Tea Radovanović**, diplomiĝinto ĉe la **Ekonomia fakultato** en **Rijeka** kaj diplomiĝinto ĉe **Univerisitato Adam Mickiewicz** en **Poznano** en **Pollando**. **Tea Radovanović** diplomiĝis en **Rijeka** pri ekonomio laŭ la programo, validinta antaŭ la enkonduko de "**Bolonja sistemo de studado**" kaj en **Pollando** ŝi finis la trijaran postdiploman studon de la fako titolita "**Interlingvistiko kaj Esperanto**".

La ĉeestintoj de la kunveno informiĝis pri similaj elekteblaj studobjektoj instruataj ĉe **Flozofia Fakultato** de **Zagreba Universitato**. Temas pri la fako: **Planlingvoj /Plansprachen** instruata en la germana lingvo kadre de de la fako germanistiko por la studentoj de la germana lingvo. En tiu studobjekto troviĝas parto kiu estas **Strukturo de Esperanto**. La alia studobjekto instruata en la **Filozofia fakultato** estas **Interlingvistiko kaj strukturo de Esperanto.** La dua studobjekto estas elektebla de ĉiuj studentoj de la **Filozofia fakultato**. Ambaŭ kolegiojn gvidas kaj instruas prof. D-ro sc. **Velimir Piškorec**.

Ĝuste la samideano prof. **Piškorec**, se li bonvolus, povus ege helpi en tiu ĉi nobla intenco akceptante ke li estu kunkreanto kaj gvidanto de la jam menciitaj elekteblaj studobjektoj ĉe **Universitato** de **Rijeka**.

Estas proponite ke teknike **Fako de kroatistiko**, estu la fako el kiu ekkomencu la propono por la enkonduko de la cititaj elekteblaj kolegioj al la alia fakaro de la **Filozofia fakultato** samkiel al aliaj fakultatoj de la **Universitato** de **Rijeka**. Prof. **Danijela Bačić-Karković** prezentu al la membroj de tiu ĉi fako la intencon kaj historion de la ideo por enkonduki Esperanton en la universitatan studoferton en Rijeka.


Fotis Damir Morankić

La financaj rimedoj ĉe la universitato estas limigitaj, kaj por iuj studobjektoj estas ĉiam serĉataj aldonaj financaj rimedoj. La portanto (gvidanto) de la kolegio kaj oficiala preleganto (kiu devus trapasi proceduron enigi lin/ŝin en la profesion de instruanto de la studobjekto, devus esti pagitaj. Krome devus esti rekompencitaj aliaj kostoj (ekzemple vojaĝkostoj). **Esperanto societo Rijeka** povas financi parton de instruadkostoj. Tiuj rimedoj ne sufiĉas. Oni devus trovi aldonajn rimedojn kiel ekz. rimedojn el la universitataj fondusoj kaj aliaj publikaj fondajoj, de **Urbo Rijeka** (Urba oficejo pri edukado kaj klerigo, aŭ Urba oficejo pri kulturo). La rimedojn de la universitato oni povus utiligi nur se la studobjekto estus prelegota en almenaŭ tri fakultatoj. Oni supozas ke, krom la filozofia fakultato, tiuj fakultatoj povus esti, la jura kaj la ekonomia fakultatoj.

***Vjekoslav Morankić***

# MIRINDAJ AVENTUROJ DE METILERNANTO HLAPIĆ EN LA ĈINA

**Ambasadejo de Kroatio** en **Ĉina Respubliko** preparas kun siaj partneroj eldonon de la verko de **Ivana Brlić Mažuranić Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić**. La verkon ĉinigis **Shi Cheng Tai** per la esperantlingva eldono de **Kroata Esperanto-Ligo.** La libron esperantigis denaska Esperanto-parolanto **Maja Tišljar**. La ambasadejo disponigis al ni la titolpaĝan desegnon. **Iva Pletikos** estas la oficisto de la Ambasadejo en Pekino kiu gvidas la laborojn pri la eldono de la libro. Ni esperas havi la libron en la jaro 2012. Desegnis **Han he**.

***S. Štimec***

*Titolpaĝo de la ĉina eldono de Hlapić*



# VOJAĜADO KAJ NEMOVIĜO

## Notico pri poezio de Josip Velebit



*Stjepan Laljak (dekstre) kun la aktoro Joško Ševo dum la Ronda Tablo pri Josip Velebit en Zaprešić.* Fotis S. Štimec

Mi konfesas ke mi akceptis omaĝi al **Josip Velebit** okaze de la centjara jubileo de lia naskiĝo, unuavice pro la eksteraj, kulturaj kaj emociaj motivoj kaj ne tiom pro senpere literaturaj, kreaj, poetaj.

Mi volis nome, kiel kuntempano kaj amiko de **Dragutin Tadijanović** - ankoraŭ foje esprimi mian publikan dankon ĉar li la unua adresis la poezion de **Tadijanović** al la pli vasta mondo, al la sperto de aliaj lingvoj kaj aliaj alitipaj legantoj ol estas niaj hejmaj, motive kaj esprime tute proksima al la aŭtoro.

Interese estas ke **Velebit** la tradukon de la poemaro de **Tadijanović** publikigis proprakoste, multe pli frue ol li decidis bindigi siajn proprajn versojn, elmontrante tiamaniere ekstreme raran ekzemplon de aŭtokritikismo, abnegacio, manko de ĵaluzo rilate la atingojn de sia kunkantanto, lirika kolego kaj ebla idealo.

Krome mi ne estas indiferenta pri la fakto ke **Josip Velebit** tradukis poemojn de **Tadijanović** ĝuste al Esperanto, la lingvo al kiu mi junaĝe inklinis - danke al mia profesoro pri la latina lingvo **Kažimir Lučin**. Per tiu lingvo mi povis akiri, ekzemple, la unuajn eksciojn pri la hungara liriko.

Ankaŭ **Velebit** meritiĝis en la kroata literaturo per peresperantaj tradukoj, informante nin pri malpli konataj literaturoj, ekzemple pri la estona. Senkonsidere pri la priesperantaj meritoj de **Josip Velebit**, estas feliĉa okazo ke **Velebit** fine de sia laboro kaj vivo ricevis rekonon en la lingvo de sia emocia elekto en la formo de propra poemkolekto titolita per iu el membiografiaj kaj esprime plej indikoдonaj poemoj. En Usono aperis fine de la dudeka jarcento la poemaro de **Velebit Kanto de telegrafistoj**. Kaj ne estas negrave mencii, ke **Velebit** ne nur okipiĝis pri Esperanto, sed ke li tradukadis ankaŭ el aliaj lingvoj, precipe el la germana, el kiu ni, nesciantoj, aparte ŝuldas al li tradukon de **Leteroj al juna poeto** de **Rilke**.

Mi timas ke per la diritaj mencioj ni tro alten levis "la horizonton de atendado". Kun tiaj biografiaj eroj **Velebit** devus esti siaspeco samsortano de spertoj de **Rilke** kaj la fekunda daŭriganto de la koncizeco, senpereco kaj amara melodieco de **Dragutin Tadijanović**. Ĉi-ĉio apenaŭ povus eniri en negrandan verkon de nur tri libretoj, presitaj dum la duonjarcenta tempofluo. **Josip Velebit** publikigis entute 120 poemojn (kio signifas ne pli ol du laborjare), multaj liaj poemoj translokiĝas de unu al la alia poemaro, elmontrante la neinklinon de la aŭtoro ŝanĝadi kaj ĝisdatigi proprajn poeziajn premisojn.

En la enkonduka teksto de sia unua poemaro, **Putnikova pjesma /Kanto de vojaĝanto**, kiu donis la titolon al la tuto (kaj tial ĝi havas ankaŭ programan signifon), la aŭtoro donis precizan kadron kaj realajn dimensiojn de sia mondo:

*Moja je soba postaja mala... / Mia ĉambro estas haltejo eta... Čekam vlak svoj crn i čedan / Mi atendas mian trajnon nigran kaj virgan.* Do, evidente temas pri mikrokosmo kaj la pesimisma alrigardo kun enkalkulita modesteco de postuloj. Vere, sopiroj kaj revoj ne estas sufokeblaj, sed ili falas sub la premo de malmilda realo kaj vivmizero: *Bilo je u njoj raskošnih snova / Šuštave svile i od zlata suđe. / Sirotinjskog bola međ stijenama hladnim / I pokućstvo najmljeno, tuđe. Ĝi enhavis luksajn revojn / Susuraj silkoj kaj ora vazaro. / Dolor' mizerula inter la ŝtonoj fridaj. / Kaj mebloj luitaj malsiaj.*

Enfermita en sian "etan malmodernan mondon", **Velebit**, do, revas kaj serĉas eskapan elirejon, la eblecon de foriro, moviĝo. Li serĉas le bezonon de kompletiĝo de travivaĵoj kaj ekscioj, ĉar li vidas ke li estas "plena je nescio". Al tiu revema lirika subjekto en la jaro 1940 la deziro pri moviĝo plenumiĝos: laŭ la bezono de sia profesio al li estos aljuĝita preskaŭ kontinua translokiĝado: profesora posteno gvidos lin de Zagrebo al Slavonski Brod, Osijek, Subotica, Beli Manastir, Zaprešić, Križevci ĝis Vrbovec, sed ni dubas ke tiu nomada vagabondado stimule efikis al la kreado kaj verkado de Velebit.

Eble pli bone ol en la enkonduka poemo sian distordiĝon inter pasiveco kaj defioj de aktivismo, intensoj de la vivo, la poeto esprimis en sia teksto **Čama /Spleno**, kiu estas unu el la plej karakteriza el "la fruaj verkoj"...

Ni prezentas multdiran fragmenton: *A srce mi nemir nosi: / Žudi kretnje, putovanja / Svijetlu blizinu žene; / I strepi u isti čas od / Ostajanja, nemicanja. / I samoće mučne, nijeme...*

Li kvazaŭ sian tutan parabolon transfiguris, antaŭvidis en la diritaj versoj. La maltrankvilon li kvietigos per foja fantaziado kaj esperantisteca solidareco kun la granda mondo kaj la timon de restado kaj nemoviĝo li kompensos per plonĝado en religian, kristanan motivaron kaj poezian kontempladon de timiga "soleca naŭza kaj muta"...

La juna **Velebit** permanente estis okupita per stato de solado, ekzistada apartiĝo de kolektivo kaj de kompletigaj estaĵoj. La poemo **Čama / Spleno** komenciĝas per: *Sola*; la poemo **U mračnoj noći/ En malhela nokto** denove: *En malhela nokto, sola* ... La poemo **Pjesma žene / Kanto de virino** enhavas lokon: ... *en soleco / Čemeć ne znam, /Splenante mi ne scias* kaj la poemo **Prijateljici / Al amikino** finiĝas per: *krom via doloro / ankaŭ la mian mi portas/ en mian solecon.* La poemo **Soleca** havas logikan akcenton: *Sama sam /Solas mi*, kaj la poemo **Osamljena mati / Soleca patrino** la esperdonan kodon *Možda ipak neću patit / Sama / Kroz svoj život cio? / Eble tamen mi ne suferos / Sola / tra la vivo tuta?*

Siaspecan apogon kaj idean kulminon de solado ni trovos en la poemo **Rainer Maria Rilke** kiu estas la sola omaĝo de **Velebit** al la kara antaŭulo , kaj samtempe la signo ke nia poeto estis ligita al **Rilke** escepte per junulaj poemoj de **Rilke** el **Bildlibroj** kaj **Horlibro**. Tiu poemo kompleta tekstas: *Biti sam / A svima bliz / I dalek svima. // Tješiti se samoćom / I vihorima. /Bolnoslatkim spomenima / Djetinjstva svog. // I znati dobro: /Nad udesom našim stoji, / Meko raskriljenih ruku, / U beskrajnom, vječnom muku, /Stari Bog. Esti sola / Sed ĉiujn proksimi / kaj de ĉiuj fori / Konsolata de solesto / Kaj tempestoj / Dolĉdoloraj rememoroj / Infanaĝaj /Kaj konscii: / Nian faton jen atentas / Per brakumo nin atendas / Dum senfina mut' etenda / Olda Dio.*

La muteco de la soleco eble estas eĉ pli stimula kaj Velebit klopodas kapti la kialojn kaj tentojn de la silento. Escepte interesa kaj unuavide memkritika poemo **Ekscio** du fojojn sinsekve atentigas: *Mnogo zborim: riječ otrovno šumi, / A šutjet treba, šutjeti što više. Multe mi vortas: vorto venene susuras, / silenti necesas plej multe.*

Ĉar Velebit fakte nek multe verkis nek multe parolis, lia pikilo devus esti turnita aliloken, kiel kategoria postulo kaj ne en koketan memplaĉon. Sed restas esenca lia okupiĝo pri maturiĝo en silento. La poeto alvokas silenton profite de pli forta parolado kaj pli profunda ekscio: *da sazriju istine na dnu mi / Duše koja tišine sve tiše*

*/ Žudi. Ke maturu veroj funde de l' animo / Mia kiu pri kviet' / Sopiras.* Pri tio li klaras eksplicite en la poemo **U tišini:** */En silento U tišini zriju misli / O drugima i o sebi... / U tišini nisam kadar / Reći dobru riječ o sebi. /En silent' maturas pensoj / pri aliaj kaj pri mi / En silent' mi malkapablas / diri bonan vorton pri mi.*

La poemo **Usamljena / Soleca** estas escepte rektadira: *Moj glas sve tiše /odzvanja kad sebi zborim / Da ga čujem, / Jer ja nemam više kome da govorim. /Mia voĉ' mallaŭte / resonas kiam al mi, mi parolas / Por ĝin aŭdi/ ĉar ne plu estas iu al kiu ĝin paroltrudi.*

En la **Pjesma o pijanoj kući / Poemo pri la ebria domo**, li kontrastas la bruon de la trinkejo kun la silento de la virino atendanta la ebrian viron. *Koga možda u tišini / Nježna neka duša ljubi, / Duša navikla da čeka. Kiun eble en silento /Iu milda anim' amas / Anim' atendi scianta.*

**Sopiro** enkondukas nin per sintagmo **Tiha noć. Pismo** kaj atestas *Jedva koju riječ kažem, / Pa i od nje ljudi bježe. / Zato ponajviše šutim. / Šutim njemu, / Svima šutim ... Apenaŭ vorton mi elbuŝas / Eĉ for de ĝi homoj fuĝas /Prefere do mi silentas /Mutas al li /Al ĉiuj mutas.*

**Zapis o jednom danu** finiĝas entuziasme: *I kad panu veče, na papiru/ Tiha jedna pjesmica je sjala.*

Ni haltis unauvide je la problemaro de la unua poemaro de **Velebit**, ĉar li tie fiksis sian poetikon kaj akcentis la ĉefajn sinopukupoj kaj humoroj. Unavide intimisma kaj solipsisma libreto estas malfermita nur pretervoje al iuj sociaj aspektoj kaj konjekto de la milito **Drvaru, drvaru / Lignist', lignist'**. **Memmortiĝanto / Samoubojica, Ostavljena mati / Forlasita patrino**. En la etoso de la urbo kaj en la alvoko de renkontiĝo kun patrino, tie plej videblas la influoj de **Tadijanović**.

Estas signife ke **Velebit** ekde siaj literaturaj komecoj starigis proprajn kadrojn sub la signo de modesteco kaj senpretendeco kaj aparte ni kun konvinko akcentis la karakteron de la lirika taglibro de iu solulo samkiel la konscio de la aŭtoro pri la limoj de la parolado per honorado de silento.

Ankaŭ en la dua libro **Lirski zapisi / Lirikaj notoj** ne mankos la temoj de solulado: *Same su mrtvačke oči aŭ Od onih sam čuo što su uvijek / U samoći ojačali, / A samoća draga mi je, /Jer mi svaku bol stišava. / Solas okul' de l' mortinto / Aŭdis mi de tiuj kiuj ĉiam / Dum izolo eĉ pli fortas / ĉar izolon mi ja ŝatas / ĉar doloro tiam haltas.*

Plue kontinuas la motivo de limigita parolado, neadekvateco de la vortoj rilate la neparoladon, silenton. Emfaze sonas de prozpoeziaj notoj **Iz bilježnice bez datuma/ El kajero sendata** *Da si blagoslovljena Šutnjo, i Ti, neiskazana Riječi! - Kako je divno i dobro šutjeti u suton, kada u krvavu nebu gledaš svoju ispačenu dušu. Blagoslovljena da si, Šutnjo, koja tolike spasi od neshvaćanja i klevete ... Ege mirindas kaj bonas silenti dum sunsubiro, kiam en sanga ĉielo vi rigardas vian suferintan animon. Estu beata vi, Silento, kiu multegajn savis el nekompreno kaj kalumnio...*

En alia proza teksto troveblas decida laŭdo malaprobi retorikecon, respektive, paradokse, patosan adoradon de kontraŭpatetikulo: *Ne pjevam ti zvučnih ditiramba, Zemljo moja, i ne dižem ti cijenu biranim riječima, jer ne mogu naći pravih, a premalo traju da bi te njima ovjekovječio. / Mi ne kantas al vi laŭtajn ditirambojn. Lando mia, kaj mi ne levas vian valoron per elektitaj vortoj, ĉar mi ne povas trovi la ĝustajn, ĉar ili daŭras tre mallonge ke per ili mi vin eternigu.*

Nefor de la ideala portreto, eble eĉ projekciado de la propra pezio en la literaturo, balado pri la poeto de **Velebit** akcentas rezignon pri la materiaj spuroj: *Pjesnik, sanjar, natura tiha / I umro je, a da ne napisa stiha. /Poeto, fantaziulo, kvietnatura diversa. Li mortis sen surpaperigo versa.*

Dum la unua poemaro de **Velebit** estis atendita per afirmaj kritikoj el la plumo de **Salih Alić** kaj **Ivo Kozarčanin**, pri kio kun rajto atentigas **Stjepan Laljak**, la dua kaj la tria lia libreto akiris ĉefe silenton anstataŭ reehon. Ni ne konkludos ke tio estas tute konforme al liaj poetikaj premisoj, sed esprimis ke aperis ŝanĝoj de sentemo al kiuj **Josip Velebit** ne volis aŭ ne povis reagi.

Veras ke la motivan repertuaron li vastigis (militaj premoj, patraj zorgoj, vastskala humanisma plendkanto – kaj aparte interesa simfonia **Kanto de telegrafisto**), sed la espriman forton envere li ne refortigis. La novaj prireligiaj sonetoj ne iras pli malproksimen ol deklara pieco, la poembukedo en la kajkava dialekto malkovras inklinon al imagoplenaj epizodoj kaj esprimivo de leksiko.

La poezia vojaĝo de Josip Velebit ricevis sian epilogon en la titolo **Tamen ĝi turniĝas / Ipak se kreće**, kvankam al mi ŝajnas ke per nemoviĝo kaj nur per la konjekto de la moviĝo li faris la plej ekzemplan paŝon.

***Tonko Maroević***
Esperantigis Spomenka Štimec
Versojn esperantigis Lucija Borčić

Legita dum la Ronda Tablo okaze de la centa jubileo de Josip Velebit en Zaprešić la 4an de oktobro 2011.

# JAPANA KULTURO POSEDAS DU PENTRAĴOJN PRI EROŜENKO

**Kikuŝima Kazuko** el **Japanio** atenigas pri interesa fenomeno, lige al la temo de verkisto **Vasilij Eroŝenko**, prezentita dum **Renkontiĝo de verkistoj**, okazinta en septembro 2011.

La japana pentroarto posedas fakte du olepentrajojn pri la esperantlingva verkisto **Vasilij Eroŝenko**. Ili ambaŭ estis pentritaj samtempe en la sama loko kaj la sama tempo, en la jaro 1920. La pentrado okazis en la ateliero de la pentristo **NAKAMURA Tune** (prononcu: cune), naskiĝinta la 3an de julio 1887 kaj mortinta la 24an de decembro 1924. La pentrado startis la 8an de septembro 1920. La verkisto **Vasilij Eroŝenko** samtempe pozis al ambaŭ pentristoj. Unu pentristo staris antaŭ la modelo relative rekte kaj pentris pli klare la dekstran vangon de la verkisto. La alia pentristo **TURUTA Goroo** (1890 -1969) pentris la maldekstran profilon de la verkisto.

La pentraĵo de **NAKAMURA Tune** havas la grandecon 45,5 x 47,2 cm kaj en la jaro 1977 tiu pentraĵo estis nomumita "grava kultura valoraĵo de la ŝtato". La titolo de la pentraĵo estas **La portreto de sinjoro Eroŝenko**. Nun ĝi estas posedata de la **Nacia Muzeo pri Modernaj Artoj de Tokio** (japanlingve Tokyoo Kokuritu Kindaj Bizyutukan).

La portreto de **Turuta Goroo** portas la titolon **Blinda Eroŝenko.** Tiu portreto estas posedata de restoracio **Nakamurya**, kies entreprenistoj geedzoj **SOOMA** subtenis multajn artistojn, inkluzive de **Eroŝenko** kaj **NAKAMURA Tune**.

***Kikuŝima Kazuko (Krizantemo)***

# EROŜENKO EN ĈINIO (2) KIU ESTIS WANG LU-YAN?

Dum la restado en Ĉinio **Vasilij Eroŝenko** havis kelkajn helpantojn, inter ili estis **Wang Lu-yan**. Inspirita per **Eroŝenko Wang Luyan** estas la homo kiu poste okupiĝos pri mezeŭropa literaturo kaj interalie ĉinigos la kroatan verkon de **Milka Pogačić Konfeso**, per la esperantlingva traduko de **Antonija Jozičić**.

Kiu estis **Wang Lu-yan**? Li naskiĝis en en la urbo **Zhen-hai** en la provinco **Zhe-jiang** sub la nomo **Wang Heng**. Li aŭskultis prelegon pri historio de ĉina literaturo kaj eklernis Esperanton en **Universitato** de **Pekino**. Li estis neoficiala studento. Sub la influo de la granda ĉina verkisto **Lusin** li prenis la la pseŭdoniman nomon **Luyan**. Por **Eroŝenko** li interpretis dum lia restado en **Pekino**. En la jaro 1927 li ricevis postenon de redaktoro en la ĉina tagĵurnalo **Guomin Ribao** en **Wuhan**.

Esperanta fako de **Propaganda Deprtemento** de **Kuomitanga Registaro** enpostenigis lin en 1928. En 1930 li redaktis felietonon en la tagĵurnalo **Minzhong**. (Li publikigis la verkon **Konfeso** ĉinlingve en **Ŝanhajo** en 1931.) Li vagadis tra diversaj lokoj kaj laboris kiel mezlerneja instruisto. Lia prozo **Sovaĝa Fajro** gajnis sukceson. Lia novelaro **Infanoj sub Kanonado** estis verkita dum la kontraŭjapan rezistmilito (1937-1945).

En 1941 li partoprenis en la organizado de **Asocio Literaturista kaj Artista de Ĉinio**. Li estis redaktoro de la gazeto **Literaturo kaj Arto**. Li havis fortan influon al la ĉina junularo postfronte. Malsana kaj malriĉa dum sia tuta vivo li mortis en la urbo **Guilin** en 1944. Lia lasta novelaro aperis sub la titolo **Nia Trumpeto** en 1944.

***Shi Chengtai***

# MEMOROJ PRI TIBOR SEKELJ

**Tibor Sekelj** volonte faris prelegojn pri siaj vojaĝoj en zagrebaj Esperanto-societoj kiam ajn li restadis en tiu ĉi urbo - kaj tio estis sufiĉe ofta post la jaro 1960 proksimume. Tiel mi ekkonis lin jam en 1963 dum unu el liaj prelegoj faritaj en **Studenta Esperanto-Klubo**. Unu el liaj specialaj kvalitoj estis ke malgraŭ sia famo (en tiama Jugoslavio ĉiu infano kaj junulo kaj plej multaj plenkreskuloj sciis kiu li estas, ĉar li mem multe skribis en gazetoj kaj multaj skribis pri li) li neniam minorigis iun ajn homon kaj mi kiel 18-jara mezlernejano estis tre fiera ke li longe kaj amike diskutis kun mi, prezentis siajn ideojn, aŭskultis la miajn. Ekde tiam komenciĝis nia amikeco kiu daŭris ĝis lia vivofino en 1988. Sub la influo de liaj pensoj kaj konceptoj ni en **SEK** ekde 1966 estis kolektivaj membroj de la tiam fondita kaj de Tibor gvidata **Internacia Instituto por Oficialigo de Esperanto (IOE).** Kiel konate, la celo de tiu organizaĵo estis disvastigi novajn formojn de aktivado por Esperanto, ĉefe apliki Esperanton en diversaj kampoj de turismo, sporto, kulturo, scienco. Turismo estis kampo kiun li volis plugi kaj liainstige ni startigis **Internaciajn Somerajn feriojn** kun kulturaj festivaloj en ili. Ekde 1967, kiam mi estis prezidanto de **SEK**, ni eklaboris por efektivigi la planon kaj en 1968 realiĝis kvar el la unue ses planitaj **Ferioj**. Ĉiu el ili enhavis unu festivalon. La turisma flanko fiaskis, sed la kultura surprize sukcesis. Realiĝis la film-amatora festivalo en **Dubrovnik**, kanzonfestivalo en **Rovinj**, la teatra en **Pula** kaj la pupteatra en **Zagreb**. El ili la plej prosperdona montriĝis tiu ĉi lasta kaj ni plu daŭrigis organizi ĝin en postaj jaroj. Ĝi kreskis de jaro al jaro kaj fariĝis la plej prestiĝa teatra festivalo de **Zagrebo**, kiu regule enhavis Esperanto-sekcion ĝis 1992. Preskaŭ dum ĉiu el la unuaj **PIFoj Tibor** ĉeestis kaj kelkfoje solene malfermis ĝin. Tiel ni ofte babilis pri ĝia estonto el kio post kelkaj jaroj rezultis plia speciala premio portanta la nomon de **Tibor Sekelj** kaj destinata "por la plej homama mesaĝo". Guste tiu ĉi vorto aparte karakterizis lin - homamo kaj konfido. Li instruis nin ĉiujn kompreni ke ne ekzistas malpli aŭ pli supera persono aŭ homgrupo, ke ne ekzistas primitiva aŭ neprimitiva homo aŭ raso - ni ĉiuj estas egale homaj. Ĝangalhomo estas supera al ni ĉiuj en ĝangalo, urbohomo estas supera al neurbanoj en sia urbo. Nia kompleta vivmaniero estas produkto de laboroj kaj inventemo de la homaro, de ĉiuj nacioj, kaj ĉiun necesas egale estimi. Tiun gravegan mesaĝon, tamen, ne multaj komprenas kaj **Tibor** dum sia tuta vivo klopodis per siaj verkoj kaj sia agado al ĉiuj ni tion enkapigi.

Aliflanke, li estis realisma persono kaj sciis kompreni interesojn. Lia baza ideo ekde la tempo de **IOE** estis: Esperanton necesas praktike apliki, sen mono ne povas ekesti granda movado, sen materiaj interesoj ne eblas materia evoluo. Bedaŭrinde la tiama **UEA**, gvidata de **Ivo Lapenna**, kontraŭstaris akre ĉi tiun idearon kaj ĝenis la pli seriozan disvolvon de **IOE**. Tamen, **Tibor**, kiel ĉiam, montris enorman


Fotis Ivan Špoljarec

energion. Li sola (kun ioma helpo de lia frato **Antonije**) redaktis kaj zorgis pri kompleta eldonado kaj ekspedado de **IOE-gazeto** dum 6 jaroj kaj eldonis pli ol 40 numerojn! Samtempe li mem organizis konferencojn, turismajn vojaĝojn, partoprenis en multaj aranĝoj, agis en neesperantistaj organizoj ktp, sed samintense daŭrigis ĉiujn aliajn neesperantajn agadojn. Li skribis librojn (entute ĉirkaŭ 30 librojn), prelegadis (li foje diris al mi ke li taksas ke li prelegis entute ĉirkaŭ 7000 fojojn), entreprenis ekspediciojn (lia lasta granda okazis en 1970 al **Novgvineo**), skribis sennombrajn artikolojn por diversaj gazetoj kaj radioj. Li estis multe intervjuata de tiuj publikmedioj - tre ofte de diversaj jugoslaviaj televidoj. La semo de la praktikisma idearo en la E-movado tamen estis plantita, malgraŭ tio ke la **IOE-organizaĵo** devis ĉesi, kaj la plej evidentaj fruktoj kreskis en **Zagrebo**. **PIF** kaŭzis la postan (en 1972) fondon de profesia entrepreno **Internacia Kultura Servo (IKS)** kiu je pluraj kulturaj kampoj daŭrigis aktivi laŭ la ideoj kaj rekomendoj de **Tibor** "Pli bona praktiko ol cent-hora prediko". Poste lia esperanta agado pli direktiĝis al la politikista kaj diplomatia medio kaj al scienco. Dum siaj multaj vojaĝoj **Tibor** (li foje je mia demando diris ke li iris entute al 90 diversaj landoj) havis ankaŭ grandan nombron da renkontoj kun diplomatoj kaj politikistoj kaj sciante multajn lingvojn (en tri li originale verkis: la serbokroata, esperanto kaj la hispana, pliajn 6 li konis aktive bonege kaj en certaj vivofazoj li sciis kaj poste forgesis pliajn 10-15 lingvojn), li lernis pri ilia psikologio. Tio helpis lin en lia grava aktiveco antaŭ kaj dum la **UNESCO-asembleo** en **Sofio** 1985 kiu rezultis per la fama rezolucio. Li kontinue partoprenis en multaj sciencaj aranĝoj tra la mondo esperantistaj kaj neesperantistaj. Intertempe li (pli ol 60-jara) doktoriĝis en Zagreba filozofia fakultato pri muzeologio, fariĝis direktoro de urba etnologia muzeo en **Subotica** kaj sekretario de **Internacia Muzeologia Asocio**. Li aktivis en geografiaj kaj etnologiaj asocioj (en pli juna aĝo li dum certa tempo redaktis **Geografian revuon** en Esperanto, eldonis **Mondmapon** okupiĝante pri geografia terminilogio). En sciencaj simpozioj kaj kolokvoj kiujn organizis **IKS** inter 1975 kaj 1987 li regule partoprenis ĉiam prezentante elstarajn prelegojn pri diversaj aspektoj de lingva situacio kaj Esperanto.

**Tibor** estis ĉiam preta helpi en kiu ajn iom pli serioza aktivado por Esperanto kaj li tiusence kunlaboris ofte kun **IKS**. Por nia plano pri kunlaboro en **Alp-Adria regiono** li verkis je nia peto specialan eseeton pri Esperanto por infanoj kiel enkonduko en lian libron **"Kumeŭaŭa"** kiun ni planis aperigi en ĉiuj lingvoj de tiu regiono. Same je nia peto li helpis stile plibonigi la leciontekstojn en la baza lernolibro de Esperanto laŭ la **Zagreba Metodo**. Li aprobis ĉiam, kiam ni petis lin, aperigi liajn tekstojn (du-foje **IKS** eldonis liajn librojn - **"Premiitaj kaj aliaj noveloj"** kaj **"Ridu per Esperanto"** - plurfoje unuopajn liajn rakontojn, novelojn aŭ sciencajn tekstojn). Partopreninte en plurdeko da niaj manifestaĵoj (**PIFoj**, konferencoj, kongresoj, simpozioj) li iris kun ni al politikistoj, sciencistoj kiel escepte utila membro de delegitaroj. Plurfoje ni petis lin esti interpretisto por diversaj lingvoj kiujn li konis, okaze de akceptoj ĉe la zagreba urbestraro aŭ kroatiaj instancoj. Multvaloraj estis liaj diskutoj en tiuj aranĝoj el kiuj kelkaj restis surbendigitaj. Kaj krome, li senlace prelegis. Nur en **Zagrebo** li faris minimume 30 prelegojn por esperantistoj kaj kelkajn ni organizis aparte je lia honoro. Unu tia estis dediĉita al prezento de lia libro **Kumeŭaŭa** kaj al lia mini-libreto "**Paco**".

Ofte li estis gasto en nacilingvaj radio-elsendoj de **Zagrebo** aŭ estis intervjuita ĉe televido (plej longan duhoran intervjuon efektivigis raportisto de **Televido Zagreb Hetrich**). **Televido Zagreb** krome elsendis lian serion de 10 unuhoraj filmoj pri **Novgvineo** en sepdekaj jaroj.

**Tibor Sekelj** estis senlaca inspiranto kaj ĉiama optimisto. Li vidis la mondon tutglobe - ĉiam liaj celoj estis tuthomaraj kaj konkretaj agoj estis celdirektitaj eroj en la tutglobaj ideoj. Liaj vizioj apartenis al fora estonto. Lia agado en **UNESCO** kaj **UNO** celis tutgloban esperantigon tra internaciaj organizoj, li vidis potenciale **Afrikon** kaj **Ĉinion** kiuj diplomatie kaj politike iam iniciatos esperantigon de la mondo. Nur la estonta historio montros ĉu li pravis. Lia ŝatata kampo estis turismo supozante ke tio estas la unua vivosfero ebliganta subteni politikan decidon. Ankaŭ tio devas pruviĝi. Sed liaj humanismaj idealoj radiantaj en lia literaturo jam montris ke li estas homo de pluraj jarcentoj.

***Zlatko Tišljar, 1989***

***http://www.esperanto.es/openbiblio/shared/biblio_view.php?bibid=1504&tab=opac***

# ROTERDAMO PRI TIBOR SEKELJ

La 26an de novembro 2011 **Universala Esperanto-Asocio** en **Roterdamo** malfermis la pordon la 35an fojon okaze de la programo titolita **Malferma Tago** de la **Centra Oficejo.** Certe al la oficistoj en la **CO** ĉiam mankas kroma horo por fini taskon. Tamen du fojojn jare la oficistoj haltigas siajn kutimajn laborojn por renkonti membrojn de **UEA**, alvojaĝantaj el diversaj lokoj por kleriĝi. La bela lastatempe konstruita konferenecejo akceptis dum diversaj programoj 65 aŭskultantojn. La ĉefa prelego rilatis al **Tibor Sekelj** (1912-2012) kies centan naskiĝtagon ni festos la 14an de februaro 2012. Mi havis la okazon montri al la publiko foto-dokumentojn preparitaj de **Esperanto-Societo Szeged** el **Hungario** per la arkivo de **Tibor Sekelj**, nun troviĝanta ĉe lia vidvino **Erszébet Sekelj**. Mi gvidis la aŭskultintojn tra la literatura mondo de **Tibor Sekelj**, montrinte lian multtitolan verkaron kaj kiel ĝi respeguliĝis kaj reeĥis en diversaj lingvoj. Krome mi havis okazon per la dua prelego prezenti mian verkistan laboron en Esperanto.



**Ziko van Dijk** parolis pri **Vikipedio** kaj la postan dimanĉon kun **Marek Blahuš** gvidis seminarion kiel kontribuadi al ĝi. **Katalin Kováts** prezentis kampanjon pri **Monda Ekzamensesio**.

Du dokumentaj filmoj estis prezentitaj dum la malferma tago, unu historia pri **UK** en **Marsejlo** en 1957 kaj la alia de la usona filmisto **Sem Green** pri la **Universala Lingvo**. Estraranoj **Claude Nourmond, Barbara Pietrzak** kaj **Loes Demmendaal** respondadis al la demando de la publiko. La zagreba afiŝo ornamas la kafosalonon de nia roterdama domo.

*S. Štimec*

## Al Jeroŝenko

Mi vivas en nokto.
Maljusta verdikto de l' supra juĝant' -
jen kaŭzo por mok', do
ĝi devus aperi en verso aŭ kant',
sed viv' estas dono
la plej malavara, kaj jen la motiv'
por kanti pri bono,
eĉ se en la nokto nun daŭras la viv'.

"Li vidas nenion!" –
min lezas transdorse fremdula kompat'.
Protestan ekkrion
kolere elsputu mi kontraŭ la fat',
kaj falu averse
feliĉa monero de mia fortun'...
Ja ĝi estas ver', se
la mondon ekvidi mi volas de nun.

Tra l' mond' Esperanto
min gvidas anstataŭ blindula baston' –
ne nomu ĝin vanto,
ĉar tiom fabele aspektas la mond'!
La ravan fabelon
mi portu enkore de lando al land',
kaj venos la bel' en
apertan animon de mia legant'.

Jes, estas adopto,
ĉar pri l' vivosenco decidas mi mem.
Mi vivas en nokto,
sed tago eklumas en mia poem'.
Mi havos respondon,
se venos de l' supra juĝanto alvok':
- Mi vidis la mondon,
jes, vidis, kaj min ne malhelpis la nokt'!

*Mikaelo Bronŝtejn*

# ESPERANTO-SOCIETO *MONDO PACA* KUN PROGRAMO PRI VUKOVAR EN VELIKA GORICA

**Mario Dilberović**, sekretario de **Esperanto-Societo** *Mondo Paca* el **Velika Gorica** havis belan ideon okazigi programon pri la urbo Vukovar en sia gimnazio en **Velika Gorica**. La programo celis okaze de la 20-jariĝo de la militaj suferoj de **Vukovar** enfokusigi la vivon de la urbo kaj tute specife de la junularo de **Vukovar**. La partneroj, la gimnazio, kaj la **Esperanto-Societo** invitis al **Velika Gorica** tutan aŭtobuson da gelernantoj kaj instruistoj el la gimnazio en **Vukovar** al la tuttaga restado en **Velika Gorica**. **Mario** preparis prezenton pri la historio de **Vukovar**. Pluraj politikistoj kaj defendintoj de **Vukovar** gastis la 14an de novembro 2011 en la gimnazio antaŭ pli ol cent gelernantoj por prilumi la temon de la urbo en la milita tempo kaj nun. La gejunuloj havis la okazon demandi kaj respondi pri la vivo de la junularo en la nuntempa **Vukvar**. Pentristo el **Vukovar Miroslav Acić** ekspoziciis siajn desegnaĵojn. La sama pentristo kreis medalojn kun la portreto de la unua prezidinto de **Esperanto-Societo** en **Velika Gorica**, **René Matoušek**, pereinta en **Vukovar**. La pentristo **Miroslav Acić** kreis la gipsajn reliefon de **René Matoušek** kaj donacis ĝin al la patrino de **René** kaj al la urba biblioteko de **Velika Gorica**. Ĉu oni trovos monon por transformi la gipsajn modelojn en bronzon? Ĉu troviĝos kultura organizo kiu uzus tian medalon honore al **René** kiel premio por kultura agado? – kiel proponis kultura aganto en **Velika Gorica Romana Rožić**.

*S. Štimec*



Desegnis Miroslav Acić

# AŬTOROJ DE ESPERANTO-LERNOLIBROJ EN KROATIO

Ekde la komenco en 1887, kroatoj interesiĝis pri la internacia lingvo Esperanto. Tion pruvas la adresaro el 1889 kie troviĝas kvin nomoj de kroataj junulinoj el Osijek kiuj aĉetis la **Unuan libron**. Baldaŭ esperantistoj en Kroatio konsciiĝis ke la ideo kaj la lingvo Esperanto povus esti konatigitaj al pli granda nombro da homoj en la lando per lernolibro verkita en la kroata.

La unua lernolibro, verkita en 1908 kaj eldonita en 1909 estis **Praktična obuka u ESPERANTU sa rječnikom** (*Praktika instruado de Esperanto kun la vortaro*) de **Mavro Špicer**. La saman jaron estis publikigita la **Gramatika esperanta** (*Gramatiko de Esperanto*) de **Danica Bedeković-Pobjenička**. Ambaŭ libroj estis verkitaj kiel gramatikoj, kiel lerniloj por lernejoj kaj por memlernado. La metodo uzata en la lernolibroj estis gramatika-traduka metodo kiu prezentas la materialon deduktvoje kaj la ekzercoj estis tradukekzercoj.

Tiuj unuaj lernolibroj havis grandan rolon en la kultura vivo de kroatoj ĉar ili malfermis la pordon al la pli granda nombro da Esperanto interesiĝantoj en la lando por konatiĝi kun la lingvo.

En 1919 estis eldonita la lernolibro de **Stanislav Tomić: Esperanto u 33 lekcije** (*Esperanto en 33 lecionoj*). Lia libro estis alimaniere konceptita: li uzis la tekstojn por legi: **Interrompita kanto** de la pola aŭtoro **Eliza Oreszko** en la 1-9a lecionoj kun interlinia kroata traduko kaj novaj vortoj. En la **Rimarkoj** troviĝas la gramatika materialo, sekvas konversacio ligita al la prezentita teksto. En la 10-30a lecionoj li uzis la partojn el **Sinjoro Tadeo** la konata verko de **Adam Mickiewicz**, aldone al la tekstoj por legi kaj por konversacio. La lastaj tri lecionoj konsistas el tekstoj por legi: komerca korespondado, sintakso, **La Globo**. Fine troviĝas la Esperanto-kroata vortaro konsistanta el la vortoj aperigitaj en la lernolibro.

La lernolibro uzis la induktan vojon por instrui gramatikon. La tekstoj por legi kaj konversacii estas sence interligitaj.

Tiu dua paŝo montris la evoluon en la kampo de Esperanto-instruiloj ĉar ĝi enkondukis novan interesan metodon de Esperanto-instruado. La lernolibro prezentis, kompare kun la lernolibroj de **Špicer** kaj Pobjenička, didaktikan progreson uzante la induktan vojon por prezenti gramatikan materialon kaj literaturajn tekstojn por legi kaj instigi la konversacion.

La unua eldono de la tre populara kaj konata kroata aŭtoro, **Dušan Maruzzi** aperis en 1922. Ĝi konsistis el 18 lecionoj kies enhavo estis ĉiam la sama: unue gramatika materialo kun multaj ekzemploj, sekvis la tradukekzercoj konsistantaj el sence neligitaj frazoj por ekzerci la prezentitan gramatikan materialon. Je la fino de ĉiu leciono estas la glosaro kun la leksemoj uzataj en la koncerna leciono. La uzata metodo por prezenti gramatikon estis dedukta. La lernolibro estas verkita en klara kaj stile bona lingvo kaj ĝi ebligas facilan alproprigon de la prezentita materialo al la lernantoj. La lernolibro de Maruzzi havis dek eldonojn: la unuan en 1922, la duan en 1923, la trian en 1927 la kvaran en 1937. Post la dua mondmilito sekvis ses pliajn eldonojn: 1955, 1963, 1965, 1969, 1975 kaj 1978. Pro ĝia politike kaj ideologie neŭtrala enhavo ĝi taŭgis por ĉiuj reĝimoj. La lernolibro de **Dušan Maruzzi** estis populara kaj la plej sukcesa lernolibro pri Esperanto en la sepdekaj jaroj de la dudeka jarcento en Kroatio.

Malgraŭ la popolareco kaj la bona stilo, didaktike ĝi prezentis la paŝon malantaŭen pro la gramatiko prezentita deduktvoje, la tekstoj konsistantaj el ne enhave ligitaj frazoj kaj ekzercoj kiuj ne ebligis instruiston konversacii kun lernantoj pri ĉiutagaj temoj.

En 1932 estis publikigita la lernolibro de **Fran Novljan: Međunarodni jezik esperanto. Udžbenik s čitankom i tumačem riječi** (*Internacia lingvo Esperanto. Lernolibro kun legolibro kaj vortklarigoj*). La libro konsistis el 28 lecionoj, legomaterialo, vortoj kaj, je la fino, la gramatikaj reguloj. La aŭtoro enkondukis la radikalan induktan metodon por prezenti la gramatikajn regulojn kaj proponis ke la instrulingvo estu Esperanto. La gramatika materialo estis prezentita per longaj dialogoj inter instruisto kaj lernanto. Sed la dialogoj estis malfacile konceptita kaj netaŭgaj por komencantoj. En 1953 aperis: **"Esperanto en 30 lecionoj"**. La lecionoj estis pli bone verkitaj, la dialogoj pli koncizaj. La indukta metodo restis sed estis aldonitaj tradukekzercoj. Politike kaj ideologie la dua lernolibro estis akordigita al la politika komunisma sistemo.

La metodoj laŭpaŝe ŝanĝiĝis sed la libro de **Maruzzi** revenis al la dedukta vojo por prezenti lingvomaterialon. Kontraŭe, **Novljan** uzis la plej radikalan induktan vojon kiun li en la dua eldono eĉ plibonigis.

En 1938 estis publikigita la lernolibro **Esperanto en 10 lecionoj**. **Plena gramatiko de la internacia lingvo kun ekzercoj** de la fama kroata, kaj ne nur kroata, esperantisto, d-ro **Ivo Lapenna**. La lernolibro estis tre precize kaj inteligente verkita kun klaraj prezentoj de la gramatikaj materialoj kaj multaj ekzemploj kaj ekzercoj por legi, por traduki, por komuniki, kaj la ekzercoj por transformi la frazojn laŭforme. Aldonitaj estis la demandoj por kontroli la komprenon de la tekstoenhavoj. Do, krom la dedukta metodo uzata por prezenti la gramatikan materialon, li enkondukis la metodon de transformacio, la komunikan metodon, la kontrolon de la kompreno de la tekstoj kaj proponis ke lernantoj estu la iniciatantoj de la konversacio kaj instruisto nur la kontrolanto kaj helpanto. Tio estis la granda progreso, kompare kun la antaŭe uzataj metodoj. La lernolibro havis du pliajn eldonojn: en 1939 kaj en 1946 kaj certe estis paŝo antaŭen.

En 1958 aperis la lernolibro: **Esperanto. Udžbenik za škole, tečajeve i samouke** (*Esperanto. Lernolibro por lernejoj, kursoj kaj memlernantoj*) de **Božidar Vančik**. Ĝi konsistis el 34 lecionoj. Ĉiu leciono komenciĝis per sence neligitaj frazoj, demandoj kaj gramatikaj klarigoj. La leciono finiĝis per la tradukekzerco. La metodoj kiujn la aŭtoro uzis estis la kombino de la rekta metodo, la Cseh-metodo kaj la gramatika-traduka metodo. Je la fino troviĝas la vortaro kun la vortoj el la lecionoj. La lernolibro estas tre ampleksa. Gramatika materialo estis prezentita indukte post la multnombraj demandoj kaj respondoj per kiuj li deziris iniciati la komunikadon. La tekstoj ne havis sence ligitajn frazojn kaj post kelkaj lecionoj, la materialo por legi fariĝis monotona, netaŭga por lernejoj.

En 1979 la zagreba **Internacia Kultura Servo** eldonis la modestan libron **Vježbenica za učenje međunarodnog jezika esperanta.** (**Početni tečaj - A**) (*Ekzercaro por lerni la internacian lingvon Esperanto per instruisto. (La komenca kurso - A)*. La verko havis du eldonojn kiuj estis tuj disvenditaj. En 1980 aperis la tria eldono verkita de la grupo de aŭtoroj: **Tišljar, Štimec, Špoljarec** kaj **Imbert**. La lernolibro verkita surbaze de la frekvencmorfemaro kaj de la grupo de konataj kroataj esperantistoj, konsistas el dek du lecionoj kun sence ligitaj tekstoj, glosaro, koncizaj gramatikaj klarigoj kaj ekzercoj: tradukoj, demandoj, trufrazoj. Je la fino troviĝas konciza gramatiko, listo de prepozicioj, konjunkcioj, afiksoj kaj la vortaro: kroata-esperanta kaj Esperanto-kroata. La lernolibro havis naŭ eldonojn, kaj pli ol 30 alilingvajn adaptojn. La libro famiĝis en Esperantujo sub la nomo **Zagreba Metodo** kaj en okdekaj jaroj la lernolibro **Esperanto, udžbenik međunarodnog jezika** (*Esperanto, lernolibro de la internacia lingvo*) estis internacie agnoskita kiel la **Zagreba Metodo A** kaj ĝi iĝis konata kiel specifeco en esperanta didaktiko. La lernolibro **Zagreba Metodo** troviĝas sur interreta paĝo ***www. lernu.net***. Kompare kun la antaŭe eldonitaj lernolibroj ĝi estis la plej moderne koncipita kaj uzebla por memlernantoj kaj lernejoj. La daŭriga kurso la **Zagreba Metodo B** aperis en 1986 sed ne famiĝis en Esperantujo kiel la lernolibro La komenca kurso-A.

La antaŭaj jaroj montris al ni ke en la verkado de lernolibroj ekzistis diferencaj fazoj, kelkaj bonaj kaj kelkaj malpli bonaj, sed progresivaj.

Nun, post pli ol tridek jaroj oni sentas bezonon pri la nova lernolibro en Kroatio pri lernolibro pli moderna metode, stile kaj aspekte. Kroatoj ĉiam havis kaj havas kompetentajn esperantistojn kaj entuziasmulojn pri la lingvo kaj la ideo de Esperanto.

La metodoj ŝanĝiĝas, la instruiloj ŝanĝiĝas, la lingvo vivas kun la homoj kiuj uzas ĝin. Esperanto estas vivanta lingvo, kiu malgraŭ ke ĝia fundamento restas netuŝita, konstante kreskas, disbranĉiĝas kaj pliperfektiĝas. La lernolibroj ankaŭ devas sekvi la lingvan evoluon kaj la novajn didaktikajn defiojn. La paperan formon neniam tute anstataŭos interreto. Ni ĉiam devos havi paperan lernolibron. Ni, en Kroatio, havas kapablecon krei novan, modernan lernolibron. Granda laboro jam estas farita en la antaŭaj jaroj kaj nun nin atendas ankaŭ granda laboro: verki modernan Esperanto-lernolibron.

***Marija Jerković***

# INTERVJUO KUN VEDRAN KAJ ZRINKA RADOVANOVIĆ


Fotis Vanja Radovanović

Post familio **Tišljar**, **Zlatko** kaj **Ruža** kun filinoj **Maja** kaj **Danka**, kaj familio **Tišljar/Jagnjić** (**Kruno** kaj **Ankica** kun infanoj **Tina**, **Bojan** kaj **Denis**) la tradicio de esperantaj familioj en **Zagrebo** ne interrompiĝis. **Vedran** (11) kaj **Zrinka** (7) **Radovanović** estas gefrataj denaskaj esperantistoj kiuj kun paĉjo **Vanja Radovanović** kaj panjo **Daša Filipčić** jam partoprenis plurajn E-aranĝojn en Kroatio kaj eksterlande. Kompreneble, la plej interesa aranĝo por ili estas **REF** (**Renkontiĝo de esperantaj familioj**) kiu ĉiusomere invitas familiojn el la tuta Eŭropo en kiuj Esperanto estas regule parolata, sed ili partoprenis ankaŭ plurajn **MKR**-ojn (**Montkabana renkontiĝo**) kaj kelkajn aliajn aranĝojn.

Jen eta intervjuo kun **Vedran** kaj **Zrinka** kie vi povas ekscii iomete pli multe pri ili!

**Demando**: ***Ĉu vi scias kiaj renkontiĝoj estas familiaj renkontiĝoj?***

**Vedran**: Tio estas renkontiĝoj kie kolektiĝas familioj kun infanoj el diversaj landoj.

D: ***En kiu lando vi feriis lastsomere kun viaj Esperanto geamikoj?***

**Vedran** kaj **Zrinka** (unuvoĉe): En Svedio! Tie okazis ĉi-jara REF.

D: ***En kiu lando estis plej interese antaŭe, kiam vi estis malpli grandaj?***

**Vedran**: Al mi ter plaĉis MKRoj kiam ni loĝis en montkabanoj. Kaj ankaŭ REF en Grésillon, en Francio, kie ni loĝis en malnova kastelo.

**Zrinka**: Al mi tre plaĉis REF en Mali Idoš, en Serbio, tie ni loĝis en kampara bieno kun multaj ludejoj.

D: ***Kiel nomiĝas viaj plej bonaj amikoj el Esperantujo?***

**Vedran**: Miaj plej bonaj amikoj estas Samuel kaj Romain el Svislando, Oliver el Francio, Jan kaj Endre el Norvegio ...

**Zrinka**: ... kaj miaj amikinoj estas Iva el Svedio kaj Alina kaj Melanie el Germanio!

D: ***Ĉu vi foje ricevis iun interesan donacon dum via vizito al viaj amikoj?***

**Vedran**: Al mi tre plaĉis ludaŭtetojn kiuj mi ricevis de mia amiko Csabi el Hungario.

D: ***Ĉu vi scias en kiun landon vi planas vojaĝi venontjare?***

**Vedran** kaj **Zrinka** (denove unuvoĉe): En Germanion! Tie okazos venonta REF!

D: ***Ĉu vi scias kiu decidas pri tio kie okazos venontaj REF-oj?***

Vedran: Dum REF gepatroj kolektiĝas kaj diskutas pri eblaj landoj kaj lokoj kaj decidas pr tio.

D: ***Kaj kien vi ŝatus vojaĝi se oni demandos vin?***

**Zrinka**: Mi ŝatus denove viziti niajn amikojn, familion Brucker/Sözüer en Duisburg en Germanio.

**Vedran**: Kaj mi ŝatus viziti denove Danion kaj Berlinon. Kaj ankaŭ Gibraltaron!

D: ***Per kio vi plej ofte ludas?***

**Zrinka**: Mi per Lego ludkubojn, ludaŭtetoj, bestofiguretoj kaj pluŝbestoj.

**Vedran**: Kaj mi per Lego, sed ankaŭ interesiĝas pri fotado, mi estas membro de foto-grupo en mia lernejo.

D: ***Kaj kio pri sorobano?***

**Vedran**: Jes, mi kapablas kalkuli per sorobano. Kimie instruis nin fari tio, ŝi vizitis mian klason en al lernejo.

**Zrinka**: Kaj ŝi loĝis ĉe ni pasintvintre!

D: ***Ĉu vi povas diri al la legantoj kion vi ŝatus ricevi por Kristnasko?***

**Vedran** kaj **Zrinka**: Ni jam skribis la leteron al Avo Frosto en Kanadio, esperantlingve! Kaj ni ŝatus ricevi Lego-ludkubojn!

D: ***Kaj kion vi povas fine diri al legantoj de "Tempo"?***

**Vedran** kaj **Zrinka**: Feliĉan Kristnaskon kaj Novan jaron!!!

***(La artikoleton skribis kaj la demandojn starigis Vanja Radovanović)***

# OMAĜO AL RENÉ MATOUŠEK EN BIBLIOTEKO GALŽENICA DE VELIKA GORICA

**Biblioteko Galženica** kaj ties direktorino **Marija Ivanović** okazigis literaturan vesperon honore al **René Matoušek** la 22an de novembro 2011. Gastprelegis **Spomenka Štimec**, la versojn de **René** recitis studento en Akademio de dramaj artoj **Ivan Ožegović** kaj gimnaziano **Leon Romčević**. La publiko memoris pri la literatura kaj muzika agado de la talentoplena **René**, pereinta en sia naskiĝurbo **Vukovar** en novembro 1991. La programo okaze de la dudekjariĝo de lia morto revokis en memoron liajn versojn kaj fragmentojn el lia prozo. Kroata literaturo kaj la kroata Esperantujo multe perdis per lia morto. Ni invitas legantojn relegi lian ampoemon **Kvin minutoj de via nuko**, kiu per pasoj da jaroj ĉiam fariĝas pli bela. Tradukis ĝin **Nikola Rašić** por **Poemaro** eldonita de **Albatros** kaj **Internacia Kultura Servo** en 1982.

***S.Š.***

## kvin minutoj de via nuko

kvin minutoj de via nuko
kaj via dorso
kvin minutoj sufiĉas al mi
kaj du minutoj de la flankaspekto
tio jam apenaŭ troas
mi ne kapablas tiom da belo
absorbi unutakte
kvin minutoj de via nuko
la plej velaj kvin minutoj
demiaj dudek jaroj
tempo dum kiu oni povas
forfumi cigaredon
kaj ion ajn alian
via dorso blankas en la mallumo
strange ke neniu rimarkas tion
vi staras carande
sube la homoj
kaj min vi regalis
per kvin minutoj de via numo
kaj via dorso

*Rene Matoušek*

# PREMIO THORSEN 2012 AL KEL

La danaj geedzoj **Roma** kaj **Poul Thorsen** testamentis fondajon al **Universala Esperanto-Asocio** el kiu oni povas ricevi subvenciojn en formo de libroj por klubaj kaj asociaj bibliotekoj. Pasis jam plena jardeko ekde kiam funkcias la libra apogo per la **Fondaĵo Thorsen**. En novembro 2011 **Centra Oficejo** en **Roterdamo** la lastan fojon atribuis **Premiojn Thorsen**. Unu el feliĉaj ricevintoj por la lasta jaro estas **Kroata Esperanto-Ligo**, kiu petis librojn de **Tibor Sekelj**. Nia biblioteko riĉiĝis je ok pliaj libroj de **Tibor Sekelj**, en valoro de 76,70 eŭroj. Koran dankon, amiko **Thorsen**!

# PRI LINGVA PROBLEMO DE *EU* EN LA ZAGREBA EŬROPA DOMO

La 1an de decembro 2011 okaze de la tago de la homaj rajtoj **Kroata-Makedona Societo** kunlabore kun **Kroata Esperanto-Ligo** organizis en **Salono Strasbourg** de la zagreba **Eŭropa Domo** publikan programon **Eŭropa Unio – priviliegio aŭ minaco por malgrandaj lingvoj**. Trideko da homoj kolektiĝis por aŭskulti prezentojn de **Zlatko Tišljar** kaj **Neven Kovačić**. La diskutojn gvidis **Judita Rey Hudeček** kiu prezidas ambaŭ societojn.

La programo okazis en la tago kiam **Eŭropa Parlamento** per plimulto voĉdonis por la akcepto de **Kroatio** kiel la 27a lando-membro de EU. Estas konate ke esperantistoj profunde interesiĝas pri la lingva situacio en EU kaj klare sentas lingvan malegalecon. Informitaj prezentintoj ne malfermis al la aŭskultantaro optimismajn fenestrojn sed tamen plukuraĝigis nin plue flegi kaj niajn etajn gepatrajn lingvojn kaj nian Esperanton por konservi nian kulturan riĉecon kaj niajn idetencojn.

*S. Š.*



**Kroata-Makedona Societo** lanĉis la 9an de novembro en **Juda Komunumo** la libron **Vino** de aŭtorino **Judita Rey Hudeček**. Baldaŭ sekvis la kunlabora programo kun **Kroata Esperanto-Ligo** pri la lingva situacio en EU. Fotis David Rey Hudeček

# VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 622. Esperanto Societo Rijeka anstataŭ florkrono pro forpaso de sia membro Enrichetta Valeri | 40,00 eŭroj |
| 623. Anto Mlinar | 1,33 eŭroj |
| 624. Anto Čančar | 1,33 eŭroj |
| 625. Spomenka Štimec | 6,66 eŭroj |
| 626. Davor Klobučar | 6,66 eŭroj |
| 627. Zlata Nanić | 26,66 eŭroj |
| 628. Boris Di Costanzo | 33,33 eŭroj |
| **En decembro KEL kolektis :** | **115,97 eŭroj** |

Ekde la jaro 2003 KEL kolektis inter siaj membroj **27.290,67 eŭrojn!**
En la jaro 2011 ni repagis nian krediton al Universala Esperanto-Asocio!
En la jaro 2010 kaj 2011 ni repagadas nian krediton al la vicprezidanto Radenko Milošević.
Nia granda kredito reduktiĝis al **16.188,45 eŭroj.**

# POLITIKA AGADO DE ESPERANTISTOJ

Zagreba esperantisto **Siniša Dvornik** estis kandidato de la kroata verdula partio **Zeleni Zajedno**. La portanto de lia listo estis **Vera Petrinjak-Šimek**. **Siniša Dvornik** okupis la kvaran lokon de la listo. La 4an de decembro 2011 estis elektita la nova kroata registaro kun la estonta premiero **Zoran Milanović** el soci-demokrata partio **SDP**. Ĉu eble iu alia esperantisto en Kroatio troviĝis sur la listoj por parlamentaj elektoj? Dankon pro viaj sciigoj.

*S.Š.*



## ESPERANTO-AGADO EN PETRINJA REVIVIĜAS

**Srećko Radulović** iniciatis Esperanto-agadon en **Petrinja**. La 15an de oktobro en **Hrastovička gora** okazis kunveno por iniciati la fondiĝon de la **Esperanto-societo** en **Petrinja**. Prezidantino de fondita Iniciata komitato en Petrinja estas **Irena Sigur**, anstataŭanto **Marica Lovreković**. Membroj de inicitata komitato estas **Srećko Radulović** (Sisak) **Josip Štajcer** (Petrinja) kaj **Slavko Šantek** (Glina).

**Radenko Milošević** el **Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj** kaj **Josip Pleadin** el **Dokumenta Esperanto-Centro** prelegis pri Esperanto la 5an de novembro 2011 en **Popola malferma universitato** en **Petrinja**. La 12an de novembro komenciĝis la Esperanta kurso por 10 kursanoj (+ 2 korespondaj kursanoj) ĉe **Popola malferma universitato** kiu finiĝis per ekzameno la 17-an de decembro. Tagon poste (la 18-an de decembro) estis fondita **Esperanto-societo Petrinja** kun 12 membroj. Prezidantino de la societo estas **Bernarda Vajdić**, vicprezidantinoj **Irena Sigur** kaj **Nataša Dorosulić**, sekretariino **Marica Lovreković** kaj kasistino **Zdenka Gašparić**. Prezidanto de kontrolkomitato estas **Slavko Šantek**.

***Josip Pleadin***



*La fondkunveno de Esperanto-societo Petrinja*

# ADIAŬ AL VIDA JERMAN

Kroata aktorino kaj esperantistino **Vida Jerman** mortis, post malsano mallonga, la 10an de decembro 2011 en Zagreb. (Pri la aĝo ŝi neniam ŝatis paroli kaj mi estimas tiun ĉian starpunkton.) Ŝi jam estis siaspeca "institucio" en la kroata teatra kaj filma arto kiam aktoro **Mladen Šerment** malkovris al ŝi Esperanton kaj enkondukis la faman aktorinon al la **Studenta Esperanto-Klubo**. Tie ŝi komencis aktori en Esperanto en 1973 kaj premiere aperis dum la **Internacia Junulara Kongreso** en **Sarajevo** kaj ne ĉesis ĝis la morto.

Kiel profesia filmaktorino ŝi estis partnerino al **Meryl Strep, Yul Brynner, James Coburn, Omar Sharif** kaj al la impona listo de siaj kolegoj el la jugoslavia kaj kroata filmmedio. Poligloto, ŝi aktoris plurlingve. Esperanto estis ŝia pasio, en sia profesia vivo ŝi aktoris ne nur kroate sed ankaŭ angle, hispane, slovene. En la kroata filma arto ŝi kreis neforgeseblan rolon de **Fraŭlino Marijana** en la filmo de **Krešimir Golik** *Kiu kantas ne malicas*. Tiu filmo apartenas al la pintoj de la kroata filmarto. Ŝi estis la virino en multaj filmoj: gardistino en koncentrejo en **La elekto de Sophie**, **Ljerka** en **Oficiro kun la rozo**, la edzino en **Sokol ne ŝatis lin**, **Čaruga**, **Kvarvice**, **La tria edzino**. En sia lasta rolo ŝi estis kelnerino en la filmo de **Rajko Grlić Tio restu inter ni**. Ŝi rolis en multaj kroataj TV-serioj, ekz. **Eta loko, Jelenko, Smogovci, La mondo de Biba, Nia eta kliniko, Ripozu, vi meritas, Valo de la suno...**

En la lastaj kelkaj jardekoj ŝi kreis serion da infanaj kaj porjunulaj teatraĵoj en la hejma teatro **Trešnja – Ĉerizo**. Ŝi ofte aperis en diversaj teatraĵoj ekster sia teatro ekz. **Muskaptilo** de **Agathe Christie**.



*Vida Jerman kiel estrarano de Kroata Esperanto-Ligo en KEL la 10an de marto 2010.* Fotis Davor Klobučar

Post la teatra agado kadre de **Studenta Esperanto-Klubo**, **Vida Jerman** aliris karieron de teatra solisto, prezentinte monodramon.

Ŝi kontribuis teatran programon al **Universalaj Kongresoj** de **Havano, Seŭlo, Tampereo, Adelajdo, Montpeliero, Berlino, Tel-Avivo, Pekino, Varsovio, Fortalezo, Florenco**. En **Pekino** 1986 ŝi rolis la **Verdan Majon** en **Virino kiu flustris en uragano** de **S. Štimec**. Por la teatraĵo ŝi havigis afiŝon de kroata pentristo **Nenad Dogan**. La afiŝo estis en la jaro 1987 elektita por la 100 plej bonaj afiŝoj de la mondo, en elekto de **UNESKO**, kaj ekspozicita en **Parizo**. La saman teatraĵon ŝi ripetis en la jubilea kongreso de **Varsovio**. Al **Havano** ŝi portis programon **Amo per proverboj**, kiam ŝi ludis kun **Saša Pilipović**. En **Seŭlo** 1994 ŝi havis vesperon de kroata poezio **Izolulo** kaj teatraĵon **Inventante ke mi sonĝas**. En **Tampereo** 1995 ŝia teatraĵo nomiĝis **Virino mi estas**. Kiam Universala Kongreso de Esperanto estis en **Prago**, ŝi preparis recitalon de poezio de la ĉeĥa Nobelpremiito **Jaroslaw Seifert**. Por **Adelajdo** 1997 ŝi preparis teatraĵon **Inventante ke mi sonĝas**. En **Montpeliero** en 1998 ŝi rolis **La rompitan virinon** de **Simone de Beauvoir**.

En **Tel-Avivo** ŝi prezentis en **La poto** de **Ŝalom Alejhem**. Al la judaj temoj ŝi revenis: en la jaro 2004 por ŝia dua kongreso en **Pekino**, ŝi rolis **Juditan**. Ĉu tio estis ŝia lasta apero antaŭ la internacia publiko?

Partoprenintoj de Universala Kongreso de Esperanto en **Zagreb** 2001 memoras ŝin kiel neforgeseblan reĝino **Maria Theresia** de **Miro Gavran** en **La plej mallonga tago de Maria Theresia** kiam **Vida** por sia multlanda esperantlingva publiko plenigis la plej luksan zagreban teatron.

En la jaro 2002 en **Fortalezo** **Vida Jerman** ludis **Amon per proverboj** respektive **Amo kaj paco**.

Por sia teatra laboro ŝi estis honorigita en 1997 per la ordeno de la **Prezidanto de Respubliko Kroatio**.

La teatrajn gastadojn ŝi post la jaro 1997 plenumis kiel arta direktorino de la propra teatro nomita **Ponto**.

La internacia Esperantujo ne havis multajn similkapacitajn aktorojn kiuj havis tiom da energio por Esperanto: dum preskaŭ du jardekoj ŝi tenis la torĉon de nia teatra vivo. Kroataj esperantistoj havis la plezuron ĝui ŝian senmankan elparolon dum la 10a kongreso de kroataj espernatistoj en Bjelovar en majo 2011.

Decembre jam la kandeloj de memoroj por ŝi brulas en Nederlando, Danlando kaj Argentino, en Irano kaj Italio, en Armenio kaj Finnlando, en Ruslando kaj Serbio.

Kaj en ŝia Kroatio. **Kroata Esperanto-Ligo** en kiu ŝi estis estrarano, aparte sentos ŝian mankon.

Dankon al Vida kies intensan vivon ni kunĝuis. Ŝi instruis al ni ŝati belon, ŝi havis altajn estetikajn kriteriojn kaj ŝatis vitalecon kiun ŝi elradiis.

***S. Štimec***



## MILAN RAKIĆ (1944-2010)

**Milan Rakić** naskiĝis la 28an de aŭgusto 1944 en **Gornji Svilaj** apud **Odžak** en Bosnio kaj Hercegovino. Li diplomiĝis pri ekonomio en Universitato de **Osijek**.Li laboris en entrepreno "**Đuro Đaković**" en **Slavonski Brod**. Esperanton li lernis en **Slavonski Brod** kaj membris en la tiea societo ĝis sia morto en **Krapinske Toplice** la 25an de novembro 2010. Ankaŭ lia edzino **Rada** lernis Esperanton.

***Rada Rakić***

## ZLATKO VUKELIĆ (1938-2011)

En **Kastav** dum julio 2011 forpasis samideano **Zlatko Vukelić**. Li naskiĝis la 13an de novembro 1938 en **Krmpote** apud **Novi Vinodolski**. En **Zagrebo** li finis elementan lernejon por nevidantaj infanoj. Esperantistiĝis en la jaro 1952 en **Zagrebo**. Medicinan mezlernejon li finis en **Beogrado** en 1959 kaj akiris profesion de fizioterapiisto kaj samjare tiufake enposteniĝis en **Rijeka** en Dom narodnog zdravlja. Tie li laboris ĝis emeritiĝo en 1990. Kiel esperantisto li vizitadis plurajn esperantistajn renkontiĝojn kaj kongresojn. Lia edzino **Mirjana** ankaŭ estis esperantistino, profesia instruistino. Ŝi instruis Esperanton en **Elementa lernejo Podmurvice** ĝis 1991, kiam la nova direktoro de la lernejo simple malpermesis instruadon de Esperanto .

**Zlatko** estis ekde 1959 ĝis sia morto regula membro de **Esperanto Societo Rijeka**. Li ankaŭ membris en **KUNE (Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj)**.

Ekde sia esperantistiĝo ĝis sia forpaso li estis fidela al esperantismo.

***V. M.***

## ENRICHETTA VALERI (1922-2011)

**Enrichetta Valeri** naskiĝis en **Prago** en la jaro 1922 kaj mortis en **Rijeka** la 17-an de junio 2011. Profesie ŝi estis instruistino pri lingvoj, la itala kaj la angla kaj laboris en itallingvaj elementaj lernejoj **Gelsi** kaj **Dolac** en **Rijeka**. Ŝi esperantistiĝis en 1963 en Rijeka kaj ekde tiam ŝi membris en **Esperanto-Societo Rijeka**. Ŝi aktivis en italaj organizoj, ekzemple en la **Unuiĝo de italoj** en **Rijeka**. Ŝi estis membro de italaj kantkorusoj **Fratelanza** kaj **Coro fedeli fiumani**.

Ekde sia esperantistiĝo, ĝis la morto ŝi fidelis al esperantismo.

***V. M.***

# KONGRESOJ KAJ KONFERENCOJ VIZITINDAJ EN 2012

**Kontaktadresoj de Kroata Esperanto-Ligo (KEL):**
Kneza Mislava 11, HR-10000 ZAGREB
Tel: ++385(0) 1 4617550
Faksilo: ++385(0)1 461 9373
esperanto@zg.t-com.hr
www.esperanto.hr

*19a de februaro*
**Esperanto-Maskerada Kompanio "Paždroć"** ĉe 28a Internacia Karnavala Parado en en Rijeka. Eblas partopreni en karnavala Esperantoo-grupo aŭ ĉeesti kiel spektanto. **Kontakto:** *esperanto.rijeka@ri.htnet.hr*

*19a - 25a de majo*
**64a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso** en Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, Germanio. **Inf.:** *Germana Esperanto-Centro/Interkultura Centro Herzberg, DE-37412 Herzberg am Harz, Grubenhagenstr. 6; Tel:+49/(0)5521-5983, rete: esperanto-zentrum@web.de* kaj *Kroata Fervojista Esperanto-Asocio, Mihanovićeva 12. 10000 Zagreb, zlatko.hinst@hznet.hr*

*9a -11a de majo*
**Internacia konferenco en Triesto "Kia estus Eŭropo nun se ne ekzistus EU". Inf.** *Eŭropa Esperanto-Unio; Zlatko Tišljar ztisljar@gmail.com*



*18a – 20a de majo*
**Pokalo Kostrena.** Kroata konkurso pri scio de Esperanto por lernantoj el elementaj kaj mezaj lernejoj. **Inf.:** *Kroata Esperanto-Ligo , Kneza Mislava 11, 10000 ZAGREB, Tel: 01 461 7550, Faksilo: 01 4619373, rete esperanto@zg.htnet.hr kaj esperanto.rijeka@ri.htnet.hr*

*26a de majo*
**Meteorita festo** en Hrašćina-Trgovišće (Bieno de Spomenka Štimec) **Inf.** ĉe KEL.




*22a - 24a de junio*
**10a Kongreso de kroataj esperantistoj**, Koprivnica, Kroatio. Jubilea landa kongreso kun simpozio pri 125-a datreveno de Esperanto, kultura kaj junulara programoj, turisma ekskurso en la regiono. **Inf.:** *Kroata Esperanto-Ligo* kaj *Dokumenta Esperanto-Centro, DEC, p.p. 79, HR-48350 Đurđevac, Kroatio.* **Rete:** *kroata.kongreso@gmail.com*

*16a - 20a de julio*
**Eŭropa Esperanto-Kongreso** en Galivo, Irlando. 9-a kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio. **Inf.:** *Eŭropa Esperanto-Unio* kaj *KEL*

*20-a - 26a de julio*
**45-a ILEI-Konferenco** en Kunming, Ĉinio. **Inf.:** *mjerkovic@net.hr*

*28a de julio - 4a de aŭgusto*
**97-a Universala Kongreso de Esperanto** en Hanojo, Vjetnamio. **Inf.:** *LKK de 97-a UK, NL-3015 BJ Rotterdam, Nieuwe Binnenweg 176, Nederlando. tel.: +31-10-436-1751, uea@co.uea.org* kaj *KEL*




*31a de julio – 5a de aŭgusto*
**4-a boatado sur la rivero Kupa.** Karlovac - Sisak. **Inf.:** *Srećko Radulović 0992433352*




*5a - 12a de aŭgusto*
**68a Internacia Junulara Kongreso** en Tenri, Japanio. **Inf.:** *Japana Esperanto-Junularo* kaj *KEL*




*11a – 18a de aŭgusto*
**85a SAT-Kongreso** en Jalta, Ukrainio. **Inf.:** *85-a SAT-Kongreso, http://jalta.retejo.info*

*14a – 16a de septembro*
**Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj kaj tradukistoj**, Hrašćina Trgovišće, Bieno de Spomenka Štimec. **Inf:** ĉe *KEL*

**En la mondo en 2012 okazos pli ol 200 kongresoj, konferencoj kaj renkontiĝoj kie la sola laborlingvo estos Esperanto. Plena kalendaro de Esperanto-aranĝoj en 2012 videblas ĉe:** ***http://www.eventoj.hu***



## *Feliĉan Kristnaskon! Feliĉan Novan jaron 2012!*